14-a jaro. — N-ro 1 (155) JANUARO 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.**

**JARA ABONPREZO: Fr. 20,—**

**EKSTERLANDE: Belgoj 5.—**

ANTVERPENO

1928

OFICIALA INFORMA BULTENO

DE LA

*20a UNIVERSALA KONGRESO*

*DE ESPERANTO*

ANTVERPENO 3-11 AŬG. 1928.

14a JARO N-ro 1 (155) JANUARO 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj:
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

**Konstantaj kunlaborantoj**: M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*




# INVITO AL ANTVERPENO!

Karaj Gesamideanoj,

« Antaŭen do por Esperanto
» Venu al ni el ĉiu monda land'. »

Por la dua fojo en la historio de Esperanto, la mondkonata urbo Antverpeno havas la honoron inviti la tutmondan Samideanaron al Universala Kongreso.

Kvankam en la nunaj postmilitaj tempoj, la vivcirkonstancoj estas tre malfaciligataj kaj la aranĝoj de internaciaj kunvenoj kaj festoj influataj de la multekosteco de la vivo, tamen la sukceso kiun havis la 7a Universala Esperanto - kongreso en 1911 instigis la en Antverpeno restantajn membrojn de «La Sepo por la Sepa», akcepti de Belga Ligo Esperantista la taskon, inviti la tutmondan Esperantistaron por festi en Antverpeno la dudekan mondkongreson.

Multnombraj allogaĵoj altiras al nia fama belga urbo la Esperantistojn kaj nome la faktoj, ke Antverpeno estas la unua urbo en Belgujo, kie Esperanta lingvo profunde enradikiĝis; ke la sepa kongreso kun siaj 1800 partoprenantoj estis vera sukceso, kompare kun la ses antaŭaj; ke Antverpeno estas la fama arturbo de Rubens, Van Dyck, Te-

niers, Breugel, Quinten Metsys, Plantin, kaj konservas en siaj muzeoj multnombrajn artaĵojn kaj memoraĵojn pri tiu fama flandra artepoko; ke nia urbo estis dum la mezepoko unu el la plej brilaj fokusoj de la Renesanca kulturo kaj ke en la nuna tempo ĝi estas la plej granda kaj plej grava havenurbo de la kontinento.

Ĉiuj novaj haveninstalaĵoj kaj la triobla pligrandiĝo de la urba teritorio igos ĝin post kelkaj jaroj la plej potenca marhaveno de la mondo.

Kun siaj belaj avenuoj, stratoj kaj placoj intermiksitaj de brilegaj florĝardenetoj, luksaj magazenoj kaj lumplenaj kafejoj,kun siaj grandaj kaj belaj parkoj kun siaj artoplenaj preĝejoj kaj muzeoj Antverpeno, urbo kosmopolita, estas ja la plej alloga urbo de Belgujo por inciti la Esperantistaron, elekti ĝin kiel urbon de la 20a kongreso.

La Belga Ligo Esperantista, la Antverpena kaj la tutbelga Esperantistaro invitas vin ĉiujn, por ĉeesti tiun 20an Universalan Kongreson.

La Organiza Komitato preterlasos nenion por kontentigi ĉiujn, eĉ la plej malfacile kontentigeblajn samideanojn.

Semajno da laboro, da festoj, da entuziasmo, da kunfratiĝo atendas ĉiujn partoprenontojn.

Venu do, karaj Gesamideanoj de la tuta mondo, la Loka Komitato, Belgujo, Antverpeno sendas al vi sian

PLEJ KORAN BONVENSALUTON !

**Loka Kongresa Komitato.**

---

## PROVIZORA PROGRAMO DE LA 20a KONGRESO UNIVERSALA

**Merkredon, 1 Aŭg.:** Malfermo de la oficejoj en la Akceptejo.

**Jaŭdon, 2 Aŭg.:** Vespere. Eventuale, por la jam alvenintaj kongresanoj, intima kunveno.

**Vendredon, 3 Aŭg.:** Vespere. — En ĝardeno kaj salono «Harmonio»: Interkonatiĝa kunveno; iluminacio de la ĝardeno, kun koncerto de la Polica Muzikistaro. Donaco de standardo, farita de la membrinoj de «La Verda Stelo», al la Antverpena Polica Grupo Esperantista. — Balo.

**Sabaton, 4 Aŭg.:** 10 h. Supera Komerca Instituto (Aŭlo): Solena malfermo de la IVa Somera Universitato. Unuaj prelegoj.
Hebrea diservo.
15.30 — 17.30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.
20.30: en la granda Festsalono de la Zoologia Ĝardeno: Solena malfermo de la Kongreso. (Galerioj rezervotaj al la publiko).

**Dimanĉon, 5 Aŭg.:** 9a h. Katolika Diservo en preĝejo S-ta Jozefo (Esperanta prediko.) — Protestanta Diservo.

10a h.: Kunveno en la urba Parko.

10.30: Promenado tra la urbo kun tri aŭ kvar uniform-muzikistaroj. La promenado finiĝas je 11.30 a antaŭ la urbodomo, en kiu tuj poste havos lokon la Oficiala Akcepto ĉe la Urbestraro. — Subskribo de la Ora Libro de la urbo.

15.30 — 17.30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.

Vespere: Harmonia koncerto en Zoologia Ĝardeno.

**Lundon, 6 Aŭg.:** 9-12 h.: Somera Universitato (Supera Komerca Instituto): Prelegoj.

9-12 h.: Fakaj kunsidoj en Urba Normala Lernejo.

15-18: Unua laborkunsido kun temo: Radio.

15.30-17-30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.

Vespere: Koncerto en la Flandra Operdomo.

**Mardon, 7 Aŭg.:** 10 h. Dua Laborkunsido kun temo: Universitatoj.

Posttagmeze: Malfermo de la VIIa Internacia Esperantista Blindulkongreso

Vespere: Teatra reprezentado en Franca Operdomo.

**Merkredon, 8 Aŭg.:** Tuttaga ekskurso al Bruselo per speciala(j) vagonaro(j). **Aparte pagota.**

Vizito de la urbo. Oficiala akcepto en la urbodomo. Komuna tagmanĝo.

Vespere: veturado al Mechelen (Malines) por aŭskulti sonorilaran koncerton.

Akcepto oficiala.

Reveturo al Antverpeno.

**Jaŭdon, 9 Aŭg.:** 9-12: Prelegoj en Somera Universitato (Komerca Instituto).

9-12: Fakaj kunsidoj en Normala Lernejo.

15.30-17-30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.

15-18: Tria kunsido okaze de Jubileo de U. E. A.

Vespere: (Eventuale) Kongresa Festeno. Aparte pagota.

Kun koncerto orgena, kaj internacia koncerto. Programo kunmetota kun diverslandaj kantistoj kaj deklamistoj.

**Vendredon, 10 Aŭg.:** 9-11: Prelegoj en Somera Universitato (Komerca Instituto).

9-11: Fakaj kunsidoj en Urba Normala Lernejo.

11 h. Dua Laborkunsido.

Tagmeze: Sonorilarkoncerto (Katedralo).

Posttagmeze: Ĝardenfesto kaj koncerto en la Parko.

Vespere: Granda Internacia Kostumbalo.

Sabaton, 11 Aŭg.: 11 h.: Solena Ferma Kunsido.
15.30-17.30: Koncerto en Zoologia Ĝardeno.
Vespere: Adiaŭa Balo.

Dimanĉo 12 Aŭg.: Forveturo al postkongresaj ekskursoj.

:-: :-: :-:

— La kongresanoj ĝuos senpagan eniron en la Zoologian Ĝardenon.

— Tre verŝajne, ni akiros, ke la urbestraro organizos ĉiutage viziton al la haveninstalaĵoj. Ĉiun tagon povus partopreni ± 300 kongresanoj.

— La kongreskomitato organizos postkongresan vojaĝon kvintagan tra Belgujo. (Ostendo, Bruĝo, Gento, Namur, Dinant, Loveno, Liége, Verviers, Grotoj de Han).

---

# INFORMA BULTENO No. 1

LOKA KONGRESA KOMITATO. — Prezidanto: Oscar Van Schoor, Ĝenerala Sekretario: Fr. Schoofs, Gazetara Sekretario: Maur. Jaumotte, Loĝada fakestro: Gustave Vermandere, Somera Universitato: Marcel Roost. Membroj: Louis Ritschie, S-ino Elworthy-Posenaer.

FAKOJ: listo aperos en iu sekvanta bulteno.

ADRESO POR LETEROJ: 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

ADRESO POR TELEGRAMOJ: «Esperanto - Antverpeno».

ALIĜILOJ: Disdonitaj pere de la Esperanto-gazetoj kaj de la naciaj asocioj. La komitato sendos al ĉiu kiu petos ĝin.

KOTIZO: Por ĉiu kongresano senescepte: **35 Belgoj** (175 belgaj frankoj, aŭ proksimume 125 francaj frankoj, 20 britaj ŝilingaj, 21 germanaj markoj, 25 svisaj frankoj, 12 1/2 nederlandaj guldenoj, 5 Usonaj doloroj).

PAGOJ: per poŝtĉeko, per poŝtmandato, per bankĉeko, per monbiletoj en registrita letero. Ni akceptas nur belgajn, francajn, anglajn, germanajn, svisajn, nederlandajn kaj usonajn monbiletojn. — Ni preferas pagon per poŝtmandato aŭ per ĝiro al nia poŝtĉekkonto: **«20-a Universala Kongreso de Esperanto: No 2027.24 - Bruselo»**. Senpera ĝiro al la kongresa poŝtĉekkonto estas farebla el Danujo, Luksemburgo, Germanujo, Nederlando, Sudslavio, Ĉeĥoslovakujo, Svislando.

Uzante bankĉekon sur iu Belga urbo oni aldonu por la elspezoj 1 Belgon, por bankĉeko sur alilanda urbo oni aldonu 2 Belgojn.

KONGRESMARKO: KONGRESPOSTKARTO: Ni eldonis artoplenan markon kaj belan propagandan poŝtkarton. Prezoj: po 1 Belgo por 100 markoj, po 1 Belgo por 50 poŝtkartoj. Ĉiuj **Esperantistoj**, ankaŭ la nekongresanoj, aĉetu kaj uzu tiujn reklamilojn. Al la naciaj kaj lokaj societoj ni konsentas rabaton de 33 %, kondiĉe ke ili aĉetu iun grandan kvanton, kaj prenu sur sin la disvendadon en sia teritorio.

ILUSTRITAJ POSTKARTOJ PRI ANTVERPENO KUN HISTORIAJ NOTOJ EN ESPERANTO: kolekto de 20 kartoj kostas 1 Belgon.

DONACOJ: La L. K. K. volonte ricevos donacojn por helpi al la sukceso de la Kongreso.

BLINDULA KASO: La L. K. K. akceptos mondonacojn por subvencii partoprenon de Blindaj samideanoj en la Kongreso.



LA KASTELO DE ANTVERPENO EN LA PLEJ FRUA TEMPO.

SOMERA UNIVERSITATO: La L. K. K. prenis sur sin la organizon de la 4a Somera Universitato. Detaloj aperos en proksima bulteno.

DISERVOJ: La koncernaj societoj aŭ personoj ekrilatu kun la L. K. K. kiel eble plej baldaŭ.

FAKAJ KUNSIDOJ: La organizontoj bonvolu frue anonci siajn de-

zirojn. «Belga Esperantisto» akceptos koncize redaktitajn komunikojn apartajn pri tiuj fakaj kunsidoj.

LOĜADO: Estos dissendata aparta mendilo. Tamen jam nun ni donos kelkajn ciferojn por faciligi al la partoprenontoj la starigon de sia kongres-budĝeto:

EN HOTELO: Ĉambro sen matenmanĝo: Klaso A. Por 1 persono: Belgojn 4.00; por du personoj 7.00.

Klaso B.: Por 1 persono Belgojn 6.00; por du personoj 10.00.

Klaso C.: Por 1 persono Belgojn 8.00; por du personoj 13.00.

Klaso D.: Por 1 persono Belgojn 10.00; por du personoj 16.00, k.t.p.

EN PRIVATAJ DOMOJ: Klaso E.: Por 1 persono Belgojn 3.00.

Klaso F.: Por 1 persono Belgojn 4.00.

Klaso G.: Por 1 persono Belgojn 5.00.

La L. K. K. faras la necesajn paŝojn por aranĝi loĝadon en kolegioj, pensionejoj, kaj aliaj similaj edukaj institutoj. Plie ĝi klopodos por disponigi en iu granda instrua instituto malmultekostajn loĝejojn : apartaj ĉambretoj kaj komunaj dormoĉambroj por studentoj, knaboskoltoj kaj aliaj junuloj. Detaloj sekvos.

MANĜOJ: Jen proksimumaj prezoj por:

Matenmanĝo: de Belgo 0.80 ĝis 1.60.

Tagmanĝo: de Belgo 2.00 ĝis 4.00.

Temanĝo: de Belgo 0.80 ĝis 1.60.

Vespermanĝo: de Belgo 2.00 ĝis 5.00.

PENSIONO TUTTAGA: Loĝado, matenmanĝo, tag- kaj vespermanĝo. Diversaj prezoj. Nur kelkaj hoteloj akceptas tiun aranĝon. — Ni aldonu cetere, ke — se ekzistas kelkaj malfacilaĵoj por la loĝado en la somera sezono — por manĝado estas pli ol granda kaj tre varia okazo.

LAŬLEĜA TAKSO EN HOTELOJ KAJ RESTORACIOJ: 10 %

TRINKMONO: La kutimo estas, doni 10 % en hoteloj, restoracioj, kafejoj, kukejoj. Minimume oni donas 25 centimojn (Belgon 0.05). — Kelkaj hoteloj enskribas tiujn 10 % da trinkmono sur la fakturo.

KONGRESINSIGNO: La L. K. K. organizas internacian konkurson por la kongresinsigno. Ĝi dediĉos por tiu konkurso la jenajn premiojn: Belg. 40.—, 30.—, 20.— kaj 10.— da Esperanto-libroj .

La konkursantoj havigu antaŭ la 15a de majo 1928 koloritan skizon duoble pli grandan ol la realaj dimensoj de la projekto. Ili indiku la uzotajn materialojn kaj subskribu per devizo. En aparta fermita koverto, kiu portas ekstere la devizon, ili metu bileton kun siaj ekzaktaj nomo kaj adreso.

FERVOJA RABATO: Laŭ kutima regulo la Nacia Societo de Belgaj Fervojoj konsentas rabaton de 35 % je la ordinara prezo de la biletoj por ĉiu kongresano individue, kiu ĝustatempe ricevos specialan rajtigilon por aĉeti sian rabatbileton: a) de la enira limstacio belga al Antverpeno, b) de Antverpeno al la elira limstacio. Je konvena momento

ni petos de ĉiu kongresano la necesajn informojn por organizi tiun servon.

PASPORTVIZO: Laŭbezonaj informoj sekvas.



ANTVERPENO. - PANORAMA DE LA URBO KUN LA KATEDRALO.

KONCERTO: La L. K. K. danke ricevos kaj zorge konsideros ĉiujn proponojn pri deklamo, kanto aŭ ludo ĉe la internacia koncerto.

INFORMPETOJ AL LA L. K. K.: La petantoj de informoj bonvolu aldoni afrankkompenson por la respondo (poŝtan- aŭ U. E. A.-respondkuponon).

LITERATURA KONKURSO. — Sub la nomo **«Esperantista Literatura Landjuvelo»** la L. K. K. organizas internacian literaturan konkur-

son. Ni faras alvokon por ke ĉiuj Esperantistaj eldonejoj, gazetoj, naciaj kaj fakaj societoj, kaj plie ĉiuj artamaj samideanoj aljuĝu premiojn kaj difinu temojn.

Povos partopreni en la konkurso ĉiuj esperantistoj. La manuskriptoj devos alveni ĉe la L. K. K. antaŭ la unua de julio. Ili devos porti la numeron de la konkurso kaj devizon. Tiuj informoj estos ankaŭ skribitaj sur fermita koverto, kiu enhavos la nomon kaj adreson de la verkinto.

KARAVANOJ: La organizantoj de karavanoj estas petataj sin anonci kiel eble plej frue. «Belga Esperantisto» publikigos koncizajn informojn pri iliaj aranĝoj.

Ĝis nun estas anoncitaj du karavanoj:

1. — El Grandbritujo, kun koncentriga loko Harwich, de kie la partoprenontoj per speciala ŝipo veturos al Antverpeno. Aranĝanto: Brita Esperantista-Asocio, 142 High Holborn, London W. C. 1.

2. — El Germanujo (koncentrigaj lokoj: Berlin, Koeln, Stuttgart). Aranĝanto: Firmo Mosse. Esperanto-Fako, Berlin S. W. 19. Vidu detalojn en nuna numero de B. E.

3. — El Svislando: forironta de Genève tra Parizo. Aliĝojn oni sendu al UEA. — Kongresa Servo.

ANTAŬ- KAJ POSTKONGRESOJ. — Organizantoj havigu al ni mallonge redaktitajn informojn kun praktikaj detaloj, por gvidi la eblaj partoprenontojn.

15 Jan. 1928. **Loka Organiza Komitato.**

---

## 1a LISTO DE LA KONGRESANOJ

1. S-ro D-ro Stromboli Alfredo, metalurgia teknikisto, Pisa (Italujo).
2. S-ro Van Schoor Oscar, apotekisto, Antverpeno.
3. S-ro Schoofs Frans, sekretario, Antverpeno.
4. S-ino Elworthy-Posenaer Maria, Mariaburg-Eeckeren (Belgujo).
5. S-ro Jaumotte Maurice, ĵurnalisto, Hoboken-Antverpeno.
6. S-ro Ritschie Louis, direktoro de la urba oficistaro, Antverpeno.
7. S-ro von Frenkell, konsulo, Dresden (Germanujo).
8. S-ro Pino Andrés, advokato, Valencia (Hispanujo).
9. S-ino Blicher Louise, libristino, Kopenhago (Danujo).
10. S-ro Gueritte Tony, inĝeniero, Surbiton (Anglujo).
11. S-ino Fürth Camilla, Dresden (Germanujo).
12. S-ro Robertson Robert, bankisto, Londono (Anglujo).
13. S-ino Osmond Emma, Ealing (Anglujo).
14. S-ro Arabeno Michele, posedanto, Ĝenovo (Italujo).
15. S-ro Warden John, Edinburgo (Skotlando).
16. S-ro Kempeneers Paul, kuracisto, Bruselo (Belgujo).
17. S-ro Boutwood John, komercisto, Hastings (Anglujo).
18. S-ro Vink Jan, oficisto, 's Gravenhage (Nederlando).

19. S-ro Kötz Bernhard, libristo, Leipzig (Germanujo).
20. S-ro Jung Teo, eldonisto-redaktoro, Horrem b. Köln (Germanujo).
21. S-ro De Keukelaere Henri, komercisto, Etterbeek-Bruselo (Belg.)
22. S-ro D-ro Meyer Ernst, kuracisto, Saarbrücken (Saarteritorio).
23. F-ino Root Martha, ĵurnalistino, New York (Usono).
24. S-ro Lechmere Ortel F. O., Teddington (Anglujo).
25. S-ro Vermandere Gustave, komercisto, Antverpeno.
26. S-ro Aron Ernst, advokato, Königsberg i/Pr. (Germanujo).
27. S-ino Aron Frida, Königsberg i/Pr. (Germanujo).
28. S-ro De Coster Edgard, asekuristo, Antverpeno.
29. S-ro Caus Frans, oficisto, Antverpeno.
30. S-ino Schoofs Henriette, Antverpeno.
31. S-ro Boeren Maurice, instruisto, Berchem-Antverpeno.
32. S-ro Staveley Walter, pianisto, Preston (Anglujo).
33. S-ro Jakob Hans, direktoro de UEA, Genève (Svislando).
34. S-ro Bas Lodewijk, telegrafisto, Jette-Bruselo (Belgujo).
35. S-ro Dodson Richard, presisto, Antverpeno.
36. S-ino Dodson Sidonie, Antverpeno.
37. S-ro Bogaerts John, presisto, Antverpeno.
38. S-ino Bogaerts Valérie, Antverpeno.
39. S-ro De Schutter Willy, redaktoro, Antverpeno.
40. F-ino Kenens Germaine, instruistino, Antverpeno.
41. S-ro Groverman Robert, advokato, Gentbrugge-Gent (Belgujo).
42. S-ro Petiau Henri, komerca fakestro, Gent (Belgujo).
43. F-ino Cochrane Isabella, instruistino, Dunfermline (Skotlando).
44. F-ino Cochrane May, instruistino, Dunfermline (Skotlando).
45. S-ino Biesterfeld Olga, Bruselo (Belgujo).
46. S-ino Jaumotte Marguerite, Hoboken-Antverpeno.
47. S-ro Schiffer Joseph, oficisto, Berchem-Antverpeno.
48. S-ro Minon Léon, fabrikisto de seĝoj, Forest-Bruselo (Belgujo).
49. S-ro Roost Marcel, advokato, Antverpeno.
50. S-ro De Boes Gerard, librotenisto, Ronse (Belgujo).
51. S-ro Seal John, leĝistkomizo, Chadderton (Anglujo).
52. F-ino Jacobs Maria, instruistino, Borgerhout-Antverpeno.
53. S-ro Mc Cormick Frank, inĝeniero, Dublino (Irlando).
54. S-ro D-ro Van der Biest Willem, kuracisto ,Bruselo (Belgujo).
55. S-ro Cogen Léon, pacjuĝisto, Ninove (Belgujo).
56. S-ro D-ro Maruzzi, Duŝan, ŝtata oficisto, Zagreb (Jugoslavujo).
57. S-ino Maruzzi Blazenka, Zagreb (Jugoslavujo).
58. S-ro D-ro Rosenstock Stanislav, prokuristo, Zagreb (Jugoslavujo).
59. S-ro Chomette Charles, New York (Usono).
60. S-ro Schuhler Conrad, redaktoro, Saarbrücken (Saarteritorio).
61. S-ro Dény Marcel, inĝeniero ECP, Paris (Francujo).
62. S-ino Dény Yvonne, Paris (Francujo).
63. S-ro Gérard Gabrielle, artistino (dekoraĵoj), Paris (Francujo).

64. S-ro Ingham Harry, instruisto pri ĥemio, (Chesterfield), (Anglujo).
65. S-ro Chapron René, advokato, Le Mans (Francujo).
66. S-ro Briquet Maurice, doktoro-kuracisto, Lille (Francujo).
67. F-ino Muller Françoise, studentino, Paris (Francujo).
68. S-ro Memseĉi A. Darjuŝ, komercisto, Tabriz (Persujo).
69. S-ro Bastiaensen Gustaaf, oficisto, Antverpeno.
70. S-ro De Hondt Louis, oficisto, Antverpeno.
71. S-ro Humberset Paul, profesoro, Le Locle (Svislando).
72. S-ro Brielhay Raymond, oficisto, Bruselo (Belgujo).
73. S-ino Brihay Berthe-Emilie, oficistino, Bruselo (Belgujo).
74. S-ro Haillez René J., stenogr. ĉe Deputitaro, Watermael-Bruselo.
75. F-ino Pentermann Ine, Rotterdam (Nederlando).
76. S-ro Van Riet Bernard, komercisto, Steenbergen (Nederlando).
77. S-ro Deligny Ernest, profesoro ĉe liceo, Saint-Omer (Francujo).
78. F-ino Vermeer Catharina, instruistino, Zutphen (Nederlando).
79. S-ro Humez Albéric, industriisto, Douai (Francujo).
80. S-ro Tarnow Paul, inĝeniera konsilanto, Galkhausen (Germanujo).
81. S-ro Lorenz Heinrich, gastejestro, Koblenz (Germanujo).
82. S-ro Roome George William, instruisto, Sheffield (Anglujo).
83. S-ro Southern Thom. E. A., inĝeniero, Cardiff (Kimrujo).
84. S-ro Brendgens Paul, kunrektoro, Rheydt (Germanujo).
85. F-ino Danks Ida Muriel, stenografistino, Londono (Anglujo).
86. S-ro Kennedy David, instruisto, Glasgow (Skotlando).
87. S-ro Sklencka Otto, ĉefdelegito de UEA, Hradec Kralové (Ĉehosl.)
88. S-ino Sklenĉkova Bozena, Hradec Kralové (Ĉehoslovakio).
89. D-ro Poncet Louis, higien-inspektoro, Louhans (Francujo).
90. F-ino Voormeulen Emilienne, Antverpeno.
91. S-ro Haine Edouard, Ruysbroeck-Bruselo.
92. S-ro Satchell Charles H. H., komerca vojaĝisto, Leytonstone (Br.)
93. S-ro Schönrich Kurt, instruisto, Wiesbaden (Grmanujo).
94. S-ro Bofill Narciso, inĝeniero, Palma de Mallorca (Hispanujo).
95. F-ino Montandon Berth-Marie, instruistino, Le Locle (Svislando).
96. S-ro Callagan H. R., rentulo, Birkenhead (Anguljo).
97. F-ino Armstrong B. M., ĉeflernejestrino, Liverpool (Anglujo).
98. S-ro Geerinck René, bankdirektoro, St. Niklaas (Belgujo).
99. S-ro Urbach E., librotenisto, Antverpeno.
100. S-ro Von Schmidt auf Altenstadt Gérard, Del. UEA., Ems (Aŭstr.)

---

## KARAVANO EL GERMANUJO

La karavano konsistos el tri partoj: 1) el Berlin, 2) el Koeln, 3) el Stuttgart. En Koeln la tri partoj kuniĝos kaj kune daŭrigos la vojaĝon al la kongresurbo. Se estos sufiĉaj partoprenantoj por speciala vagonaro, ni veturigos tian el Koeln aŭ eventuale jam el Berlin.

La vojaĝo komenciĝos en Berlin la 2an de Aŭgusto tagmeze, en Koeln la saman tagon noktmeze kaj en Stuttgart la saman tagon antaŭtagmeze. Eventuale nia karavano

vizitos la ekspozicion «Pressa» jam antaŭ la kongreso, kio estas multe dezirata. Ĉi-tiukaze la foriro el Berlin kaj Stuttgart okazos unu tagon pli frue.

Supozeble ni aranĝos jenajn kategoriojn:

KATEGORIO A: Fervoja veturo al Antverpeno (el Berlin, Koeln aŭ Stuttgart), kompleta pensiono (loĝejo kaj por 3 manĝoj por 8 tagoj), kongresa kotizo, tuttaga ekskurso al Bruselo kaj festeno dum la kongreso.

1. Fervoja veturo en dua klaso kaj pensiono en unuaranga hotelo. Tre pretendemaj personoj povos ricevi pensionon en luksa hotelo (1a).
2. Fervoja veturo en tria klaso kaj pensiono en duaranga, tamen sufiĉe bona hotelo.

KATEGORIO B: Fervoja veturo al Antverpeno (el Berlin, Koeln aŭ Stuttgart) kaj loĝejo kun matenmanĝo por 8 tagoj, kongresa kotizo, tuttaga ekskurso al Bruselo kaj festeno dum la kongreso.

1. Fervoja veturo en dua klaso kaj loĝejo en unuaranga hotelo. Pretendemaj personoj atentu la rimarkigon sub A 1a.
2. Fervoja veturo en tria klaso kaj loĝejo en duaranga, tamen sufiĉe bona hotelo.

KATEGORIO C: Nur fervoja veturo al Antverpeno (el Berlin, Koeln aŭ Stuttgart).
1. En dua klaso. — 2. En tria klaso.

La proksimumaj prezoj por la supre indikitaj kategorioj estos:
A 1a: 270 RM. — A 1: 240 RM. — A 2: 180 RM.
B 1a: 180 RM. — B 1 170 RM. — B 2: 150 RM.
C 1: 50 RM. — C 2: 35 RM.

Por partoprenontoj, kiuj komencos la vojaĝon en Koeln, la prezoj malplialtiĝos je proksimume 35 RM. por dua klaso kaj 24 RM. por tria klaso, por tiuj el Stuttgart je proksimume 12 resp. 8 RM.

Ni jam nun petas la interesiĝantojn, ke ili pripensu, kiun kategorion ili prenos. La precizajn prezojn ni povos konigi nur en Marto aŭ Aprilo,kiam ni eldonos ankaŭ specialan informilon pri la karavano. La ĉi supre indikitaj prezoj estas la maksimumaj laŭ la nuna stato.

Por karavanoj kiuj tranoktos en Berlin aŭ Koeln, ni havigos loĝejojn laŭ deziro.

RUDOLF MOSSE, Eesperanto-Fako ELLERSIEK.

---

# INTERRELIGIA KONFERENCO INTERNACIA POR LA PACO

En Hago okazos de 13 Julio — 2 Aŭg. Interreligia Konferenco porpaca.

La intenco estas, montri, ke la vera paco devas baziĝi sur bonvola religia aŭ homaranisma spirito. Eminentaj parolontoj de diversaj religioj atestos pri sia deziro al kaj laboro por la tutmonda paco.

Same kiel dum la Praha Konferenco «Paco per Lernejo» ĉiuj diverslingvaj paroladoj estas tradukotaj nur en Esperanto.

S-ro D-ro Privat interpretos kaj estos invitata paroli pri Homaranismo de D-ro Zamenhof.

Ĉar la Konferenco okazos ĵus antaŭ la Antverpena Kongreso la Esperantistoj povos facile halti en Hago dumvoje al la Kongresurbo, kaj mi invitas ĉiujn kore.

Multe vi faciligus nian laboron aliĝante kiel eble plej baldaŭ.

La kotizaĵo estas nur 3 Hol. guldenoj, kiujn vi eventuale povas ĝiri sur la konton de J. R. G. Isbrucker, 10866, Hago.

Por sukcesigi la Konferencon, la komitato devas disponi pri mono kaj pro tio afable petas mondonacojn laŭ povo kaj promesojn por la garantia fondaĵo.

Fidante je via kunlaboro,

Julia Isbrucker, Esperanta sekretariino de la organiza - komitato, Oostduinlaan, 32, Hago (Nederlando).

EL LA FLANDRA LITERATURO

## AVINO

**Victor de la Montagne.**

Tra vitrar' en plum-metita,
Sunradi' petol-penetras;
En ĝi dancas miriadoj
Da polveroj, dum tiktakas
Grave murhorloĝo, tra la
Ĉambr' antikva en silent'.

———

Ĉe lulilo de la nepo
Sengepatra, la avino
Ete kantas, flustre, dolĉe,
Kanton de l' malnova temp';
Kanton, kiu ame iam
Kantetante ŝin dormigis.
Dolĉa memoraĵ'... Leviĝas
Malproksimaj bildoj, ŝajne
Forgesitaj, elviŝitaj,
Freŝe antaŭ la okul':
Multajn tagojn zorgoplenajn
De l' mateno ĝis vespero
Trabatalis pezlabore,
Pene ŝi, dum rave sankta
Am' heligis ilin, amo
De infan', virin', patrino...
Varmaj ploroj ekbriletis
en l'okuloj dum ŝi pensas
Al mortintoj al ŝi karaj,
Ripozantaj en tombejo
Paca, en eterna dorm'.
Kaj al ili sopirego
Emociis ŝian koron,
Kaj ŝi aŭdis kvazaŭ voĉon
Alvokantan konsolante:
Ke la taskon ŝi plenumis,
Ke sufiĉe vivis ŝi...
Brusten klinis ŝi la kapon,
Kaj por pia preĝ' sin faldas
La osteca manopar',
Kaj la lipoj treme flustras:
«Preta estas mi, Sinjor'.»

———

Sed ĝojegis en lulilo
L'infanet' ekvekiĝinta: —
Kaj ŝi prenis ĝin en brakoj,
Karesante ĝin amplene. —
Kaj melankoli' forflugis,
Forgesita pasinteco,
Antaŭ bild' de l' viv' espera,
Freŝa bild' de l'estontec'
Petoladanta sur genu'.

**Trad. Hector Vermuyten.**

---

## KIU ?

**K. Ledeganck.**

Ekmortis unu el du fratoj
Kiuj ege sin similis.
Najbar' renkontis sur la stratoj
La alian — tuj babilis:
« Mi embarasata estas,
» Granda mia dubo restas:
» El vi ambaŭ, kiu mortis ? »

## AL ĈIU...

**K. Ledeganck.**

Al ĉiu kiun vi renkontas,
Kvazaŭ estus laŭd' por vi,
Pri kis' sur buŝon vi rakontas,
Kiun al vi donacus mi.
Malbela estas vi do vere,
Klarigas tion via mir'
Ke inon kiel vi, libere
Povus kisi iu vir'.

El la flandra: Trad. **Tyneverum.**

## ORIGINALA LITERATURO

# LA FELIĈO

Sidiĝis apud voj', ploranta virgulin',
Kiu lace pensis, pri la vivo sia.
Kontraŭ de la sorto frapo ironia,
Ribelis fine ŝi, kaj kontraŭ la Destin'.

Je sama la moment', sur sama voj', Virin'
Pasis — aperaĵo bela, simpatia — ;
Sin aŭdigis plendo, ja seniluzia:
«Ve! Kiel de l'Feliĉ' do estus la difin'?»

Kaj Diino miris — ĉar Diin' ŝi estis — ;
Apud malfeliĉa la fratin' ŝi restis
Kaj diris post minut' kun dolĉa la voĉet':

« De l'Feliĉ' difinon serĉas vi, virino?
» Montriĝas la Feliĉ' per bela infanet',
» Kiu al vi diros: Mia la patrino! »

Maur. Sehède.

# SE RIĈA MI ESTUS

Se riĉa mi estus, ho kara knabin',
per oro kaj silko ornamus mi vin;
ni loĝus en luksa, belega palac'
kaj dormus en lito kun pluma matrac'.

Ni ne devus zorgi pri nia estont':
kaj agus laŭ nia persona komplez';
ni manĝus, ni trinkus kaj frandus ĝis sat';
servistoj nin servus en granda ornat'.

Vespere ni irus al gaja dancfest'
kun ŝuoj lakitaj kaj laŭmoda vest';
en aŭtomobilo, post nokt' de plezur',
je la sunleviĝo revenus ni nur.

Ni ne devus zorgi pri nia estont':
post ni ja okazus la fino de l' mond',
se riĉa mi estus! Sed kia ĥimer':
malriĉa diablo mi estas en ver'.

Jen mia riĉeco kaj sola trezor':
nur mia honeste batanta ja kor';
al vi mi ĝin donas, ne havas mi pli,
sed tute ĝi nur apartenas al vi!

Jan Van Schoor.

# BELGAJ MOROJ KAJ KUTIMOJ

Kio unue altiras la atenton estas la persisteco de la primitiva karaktero kaj la daŭro de la kutimoj en nia lando. De post kiam nia popolo aperas en la historio, ĝi rekonigas sin per karakterizaj signoj, kiujn ĝi neforigeble gardos. Cesaro parolas pri gentofederacioj kaj naciaj kunvenoj; Tacite eĉ aludas pri «politikaj festenoj». La komunumoj de la mezepoko perdis sian sendependecon kaj la korporacioj estas forigitaj, sed la komunuma kaj kunigospirito estas pli vigla ol iam.

Plie, multe da kutimoj pli-malpi religiaj, datumiĝantaj eĉ de antaŭ la Roma almilitado, ĉiamiĝis malgraŭ la klopodoj de la kristaneco, kiu estis devigata ilin toleri kaj kelkfoje ilin adopti kun anstataŭigo de la intencoj. Je tiu vidpunkto ni havas plej interesan dokumenton: estas la «Indiculus superstitionium et paganiarum», la tabelo de malpermesitaj superstiĉoj kondamnitaj de la sinodo de Leptines (les Estinnes, apud Binche) en 743.

Tiel, la funebro-festenoj, kies kutimo konserviĝis ĝis nun en la Flandroj, estis, ĉe la unuaj Belgoj, festeno, kiu okazis sur la tombo mem de la mortinto. La karnavalo verŝajne devenas de la maskiĝoj per kiuj oni festis la monaton Februaro. La sanktulstatuetoj, kiujn oni tiel ofte renkontas en niaj kamparoj, fiksitaj ĉe arbo izolita aŭ rimarkinda pro siaj proporcioj, erarigis la antaŭajn arboadorintojn. La kutimo doni al la infanoj mielkukojn je Novjaro devenas de tio, ke oni donacis, kiel novjaran donacon, ŝajnigaĵojn de diaĵoj faritaj el knedita faruno kun mielo. La kampoprocesioj estas kristana aliformigo de la procesioj en kiuj oni promenigis la idolojn por havi belajn rikoltojn. Fine, la dankaj memoraĵoj memorigas ekzakte iajn maldelikatajn reprezentaĵojn de piedoj, manoj, kapoj, kiujn oni elmetis en sanktigitaj lokoj por akiri la resanigon de la malsana membro, aŭ kiel dankon.

En la familia vivo, kelkaj tradiciaj festoj ankaŭ devenas de alta antikveco, kaj estas malfacile precizigi la veran signifon de kelkaj el ili. La Sankta Nikolao- la Senkulpuloj- La Sankta Tomaso-festoj, la Kristnaskokantoj, la Reĝoj, La Duonfasto, la Paskovoj nur estas nun la infanfestoj kaj daŭras kiel kuriozaĵoj, kiel iaj kutimoj konservitaj en la kamparoj aŭ la arhitekturspecimenoj el la unuaj tempoj de la mezepoko.

La publika vivo, la komunuma vivo precipe konservis sian karakteron en la flandraj kaj valonaj popolfestoj, Belgujo estas por tiel diri, la lando de la festoj. Nenie la multnombraj religiaj kaj societaj solenaĵoj de la pasintaj tempoj estas pli bone konservitaj. Estas precipe okaze de la patronaj festoj, ke oni organizas pilgrimadojn el kiuj kelkaj estas famaj, kiel tiuj de Montaigu apud Diest, de Dieghem kaj Anderlecht apud Bruselo, de Chêvremont apud Liége; alifoje estas simbolaj pro-

cesioj memorigantaj la misterojn de la mezepoko, kiel en Kortrijk kaj Veurne, aŭ marŝadoj, sekvantaroj duone religiaj, duone militistaj, kiel en Walcourt, Châtelet kaj Gerpinnes. De Heigne al Thiméon, apud Gosselies, okazas dancanta procesio, kiu havas iom da analogio je tiu de Echternach. Fine la grandaj rajdantaroj, kun alegoriaj ĉaroj, sekvantaroj de korporacioj, gigantoj, ĥimeraj bestoj, k. t. pl. fariĝintaj solenaĵoj preskaŭ naciaj en Mons, Tournai, Meĥleno, Antverpeno kaj Gento, estas la lokŝanĝaj spektakloj de la malnovaj retorikaj ĉambroj.

(El «Touring Club de Belgique».) E. V. B.

Tradukis Lucette Faes-Janssens.

---

# BELGA KRONIKO

**La grupestroj estas insiste petataj sendi sian kronikon regule, plej malfrue antaŭ la lasta tago de ĉiu monato, al la Ĝenerala Sekretario de Belga Ligo Esp. ,adreso: 60 St. Lievenslaan — Boulevard St. Liévin, Gento). La redakto estu kiel eble plej konciza.**

— — —

ANTVERPENO. — La 1an de Dec. komenciĝis nova kurso gvidata flandralingva de S-ro G. Bastiaensens. La 3an okazis la Ĝenerala monata kunveno en la kutima ejo. — La 10an la dua balo de la vintra sezono kunigis la membrojn kun siaj familianoj en la salonego «Quatre Nations». — La 24an, intima Kristnaskofesteto altiris multe da personoj en «Witte Leeuw», kie Kristnaskabio, belege aranĝita de S-ino Schoofs, multe plezurigis la infanojn de la grupanoj. S-ro Pinck afable kunportis sian «Pathé-Baby» - aparaton kaj montris du belajn filmojn. La vespero agrable finiĝis per la elpakigo de surprizoj, kio naskis oftan ridadon. Sabaton la 7an de Januaro, F-ino Van Bockel, kiu faris interesan paroladeton pri la libro «La Abismoj» de Jean Forge, rikoltis merititajn aplaŭdojn.

ANTVERPENO. — La tri vesperkursoj, oficiale organizitaj de la urbo Antverpeno, havas 64 lernantojn por la du-lernojaroj.

ANTVERPENO. — **Laborista Popoluniversitato.** — Kiel pasintan jaron tiu institucio organizis kurson de Esperanto, kiu malfermiĝis la unuan sabaton de oktobre. 30 lernantoj estis enskribitaj. La profesoro estas nia malnova samideano Emiel Willekens.

La 13-15 decembro nova kurso malfermiĝis ĉe **«Antverpena Polica Grupo Esperantista»** por 40 lernantoj.

Gratulojn al la fervoraj gvidantoj de tiu grupo.

BRUSELO. — Agado de la Brusela Grupo dum la monato Decembro.

**Lundon la 5an de Decembro** la Brusela Grupo inauguraciis sian novan ejon en «Cercle Polyglotte» per parolado de S-ro Hendricx pri «Blindulој».

Nia Samideano lerte kaj interesplene klarigis tiun mirindan elpensaĵon: la skribon Braille. Kiom Esperanto povus utili ankaŭ kaj precipe en tiu kampo: faciligo de libroeldonoj multekzempleraj tiom pli malkaraj dank'al unuigo de traduklingvo.

**Dimanĉon la 11an:** S-ro Kempeneers faris en Mondpalaco propagandan paroladan pri «Danzig kaj la Universala Esperanto Kongreso». La prelegintо aŭdigis fonografe la paroladon de S-ro Privat en Danziga kongreso,kaj tiele la multnombra aŭdantaro spertis la belsonecon de nia lingvo.

**Lundon, la 12an:** S-ro Haillez, stenografisto ĉe la deputitaro, malfermis sukcesplene stenografian kurson antaŭ dudeko da lernantoj.

**Lundon, la 19an:** S-ro Deleener, la bonhumorulestro de la grupo ,rikoltis ridojn kaj aplaŭdojn nekalkuleblajn per humoraĵa parolado pri «Amo kaj Botelo» la du solaj celoj de sia vivo. Tonoj kiel tiuj de la poralinto nur estas aŭdeblaj ĉe sinceruloj!

**Jaŭdon la 22an:** nia bona kaj malnova amiko Emilio Baëz, faris interesan paroladon en la «Cercle Espagnol» kies agema vic-prezidanto li estas. Li parolis pri la deveno de Esperanto la granda facileco de la lingvo, kiel li mem esperantiĝis ; la nuna situacio de Esperanto en Hispanujo k. t. p.

S-ro Baëz parolis hispanlingve kaj post li estis aldonita kelkaj vortoj franclingve de S-ro R. Deleener.

La rezultato estis bona ĉar multaj ĉeestantoj,inter kiuj anglaj kaj hispanaj, tuj enskribiĝis por la nova kurso de Esperanto, donata en la «Cercle Polyglotte» ĉiu sabate, de S-ro Deleener. La kurso komenciĝos sabaton 14an de Januaro je la 8a., vespere.

**Lundon 26an de decembro:** malgraŭ pluvega vetero plej sukcesinta ekskurso okazis al la kolonia Muzeo de Tervueren sub gvidado de S-ano De Leener, malnova koloniano. Anglaj, francaj, holandaj, belgaj samideanoj ĝin ĉeestis. Post la vizito okazis ludoj, malgraŭ la pluvo, kiun la ĉeestantoj ne ŝajnis timi. Specialan sukceson akiris kurado de kareoj. Agrabla komuna tagmanĝo finis tiun amuzan ekskurson.

**Lundon 2an de januaro:** la «Verdaj Noktuloj» tre gaje kaj brue festis la novjaron per «drinka festo» en kiu ĉiuj ĉeestantoj vetbatalis por meriti la titolon de «trinkulestro». Monkolekto produktis 115.60 fr. per kiuj oni aĉetis du akciojn de B. E. I., kiel novjaran donacon por la «Brusela Grupo».

GENTO. — Kunveno okazis regule ĉiumerkrede je la 7a vespere en la urba lernejo, rue Neuve St. Pierre, 47.

KORTRIJK - COURTRAI. — La 5an de januaro 16 izolaj Samideanoj kunvenis kaj definitive starigis la lokan grupon. S-ro Pierre Mattelaer, Esprantisto de jam pli ol 25 jaroj, estas elektita prezidanto. Dezirante praktike labori, li havigis al la grupa kaso la unuajn monrimedojn

por tuja propagando. Tiu malavara gesto estas tre kuraĝiga por niaj Kortrijk'aj amikoj kaj favore antaŭvidigas la estontecon. Estas ankaŭ elektitaj: Vicprezidanto: S-ro Gerard Debrouwere. — Sekretario: S-ro Gaston Denys. — Kasisto: S-ro Cesar Vanbiervliet.

Ni plej kore gratulas kaj dankas S-rojn Debrouwere kaj Vanbiervliet dank'al kiuj la movado revivas en Kortrijk kaj ni deziras al la nova grupo plej longan kaj prosperan ekzistadon.

Nova kurso, gvidata de S-ro Debrouwere, okazas nun ĉe la skolta grupo por 11 lernantoj.

ST. NIKOLAO. W. — **Grupo «Al Triumfo»** La grupo organizas ŝparkason por helpi la gegrupanojn ĉeesti la proksiman Internacian kongreson en Antverpeno. La 28an de decembro nia Kristnaskfesto brile sukcesis: dekoj da gemembroj kaj kelkaj neesperantistoj ĉeestis. Post disdono de libroj okaze de la Tago de la Libro, S-ro Geerinck interese parolis pri la movado kaj senkulpigis S-rojn De Boes kaj Hansch, ambaŭ malhelpitaj honori nian feston per sia ĉeesto. S-ro Van Ghendt ankaŭ parolis pri la paca celo de Esperanto kaj pri la signifo de nia kara lingvo. Sekvis koncerta parto. Arte deklamis F-ino Vanhoeyweghen kaj S-ro Bolsens kaj Vanhoeyweghen. La tutan vesperon la du «friponoj Frans kaj Max» humorplene kantis kaj alportis gajan atmosferon. Dume, S-ro De Clippeleir bonege pianludis. Fine, sub prezido de la tre juna F-ino Driesen, la ĉeestantaro elrabadis la vere superŝarĝitan kristnaskarbon. Kvankam jam tre malfrue, S-roj De Sutter kaj Verhofstadt kantis kaj post kelkaj dancoj oni adiaŭis ĝis proksima kunveno. Sinceran dankon ni ŝuldas al S-ro Hansch kaj al la danaj firmoj Hellesens, Avena, Tuborg por alsendo de multaj donacoj: pli ol 60 utilaj surprizoj pendis ĉe la arbo.

VERVIERS. — La Grupo ageme laboras: kurso kaj grupa kunveno okazas ĉiumerkrede de 7 1/2 ĝis la 10a en la nova grupa sidejo kafejo «L'Emulation».

La propagando en la lernejo ageme daŭras; du kursoj por ĉirkaŭ 45 geknaboj de la 4a grado okazas nuntempe. Korajn gratulojn al niaj Verviersaj amikoj pro tiu bela rezultato.

---

## BELGA GAZETARA STATISTIKO

En Decembro ni ricevis 9 notojn pri Esperanto el 8 gazetoj de 3 lokoj: 3 en flandra kaj 6 en franca lingvo. Notindaj estas: sprita artikolo de R. J. Haillez en «Revue Sténographique belge et internationale» pri geometria aŭ kursiva skolo, granda kroniko pri Esperanto en la laborista mondo, en «Bulletin d'information de la Fédération internationale des ouvriers du Transport» (Dec. 1927), kaj en «Le Tram Belge» (Jan. 1928). Nia bona amiko Haillez profitis la ekaperon de nova revuo «L'Elan Sténo - dactylographique» por disvastigi per ĝi nian movadon

en la stenografiaj kaj daktilografiaj sferoj de Belgujo. Al niaj gesamideanoj-, steno- kaj daktilografiistoj ni varme rekomendas tiun bultenon, kies abono kostas nur Fr. 3.—, sendotaj al poŝtĉekkonto 1885.75 de N. Lambotte.

# GRATULOJ

S-ro **Remy Van Eynde,** membro de la Antverpena Grupo «La Verda Stelo» fianĉiĝis la 25an de Decembro kun Fraŭlino **Rachel Deneef.**

# NEKROLOGO

S-ro **Armand Mathieux,** patro de S-ro Fernand Mathieux, Kasisto de Belga Ligo Esperantista, mortis 80-jara, en Bruselo la 25an de novembro.

S-ro **Louis-François Brees,** patro de S-ro Louis Brees, membro de la Antverpena Grupo «La Verda Stelo», mortis en Antverpeno, la 27an de Decembro 1927.

S-ro **Alfred De Rechter,** Policisto, membro jam de ĝia fondiĝo en 1911, de la Antverpena Polica Grupo Esperantista mortis. Li naskiĝis en 1880. Multnombraj kolegoj kaj samideanoj kondukis lin al lia lasta ripozloko. Sur la tombo, S-ro Derweduwen per paroladoj en Esperanto honoris la memoron de tiu bona kaj sindona amiko de Esperanto.

# FAVORA DEKRETO DE LA REGISTARO DE DANZIG

La Ĝenerala Sekretario de I. C. K. en Ĝenevo informas nin pri sukceso atingita sekve de aparta peticio de Danciga Esperanto-Asocio. La Danciga Senato publikigis la jenan dekreton:

**Esperanto - Instruado en Elementa Lernejo.**

Sekve de tiucela peticio de la Danciga Esperanto - Asocio ni konsentas pri la organizo de ne-devigaj Esperanto - kursoj en la supera ŝtupo (6-8 lernjaro) de la Elementaj Lernejoj, se ekzistas taŭgaj instruistoj kaj instruistinoj por tio. La laŭplana instruado ne devas esti malhelpata per tiuj kursoj. La Esperanto - lecionoj devas okazi ekster la tempo de la instrua horaro. La kostojn devas porti la kurspartoprenantoj mem.

Peticioj pri permeso devas esti adresataj al la kompetentaj distriktaj instru - konsilantoj, kiujn ni rajtigas memstare decidi pri tio.

Danzig, la 10 novembro 1927.

W. II b 9. - 7.

La Senato,

Sekcio por scienco, arto kaj popolklerigado.

La dekreto estas publikigita en la «Oficiala Lerneja Informilo de l'Elementaj Lernejoj de la Libera Urbo de Danzig» No 6, paĝo 27, de 1. decembro 1927.

# 20a Universala Kongreso de Esperanto

ANTVERPENO - 3 ĝis 11 Aŭgusto 1928 - ANTVERPENO

*N-ro* ..................

## ALIĜILO

*Mi subskribint(in)o aliĝas al la 20a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. Mi nun pagas por :*

*mia Kongreskarto* .................................. **Belgojn 35.—** (1)

.............. *kongresmarkoj (po* **1 Belgo** *por 100)* „ ..............

.............. *kongrespoŝtkartoj (po* **1 Belgo** *por 50)* „ ..............

.............. *kolektoj de* **30 ilustritaj poŝtkartoj pri Antverpeno** *kun historiaj notoj en Esperanto po* **1 Belgo** *por ĉiu kolekto* „ ..............

*sumon de :* **Belgoj** ..............

*per poŝtĉeko* (2) *- per poŝtmandato - per bankĉeko - per monbiletoj (sumo en nacia mono* (3) ..............) *en registrita letero.*

*Familia nomo* (4) { *(S-ro)* / *(S-ino)* / *(F-ino)* } ..............

*Personaj-, antaŭ- aŭ baptonomoj* (4) ..............

*Profesio* (5) ..............

*Nacieco* (5) ..............

*Strato* (4) .............. *N°* ..............

*Urbo* (4) ..............

*Provinco* (4) .............. *Lando* (5) ..............

*Rimarkoj :* ..............

..............

..............

SKRIBU TRE LEGEBLE—PREFERE PER SKRIBMAŜINO.

UZU APARTAN ALIĜILON POR ĈIU PERSONO.

*Dato :* .............. *192* ..............

*Subskribo :* ..............

(1) 35 Belgoj = 175 belgaj frankoj, aŭ 125 francaj frankoj, 20 britaj ŝilingo 21 Germ markoj, 25 Svisaj Frankoj, $12^1/_2$ Nederl. guldenoj, 5 Usonaj Dolaro

(2) Ĝiroj al la kongresa poŝtĉekkonto : **Bruselo 2027.24** estas fareblaj e Danujo, Luksemburgo, Germanujo, Nederlando, Sudslavio, Ĉeĥoslovakujo, Svislando. — Ni preferas pagon per poŝtĉeko aŭ per poŝtmandato.

(3) Ni akceptas nur belgajn, francajn, anglajn, germanajn, svisajn, nederlandajn kaj usonajn monbiletojn.

(4) En nacia lingvo. (5) En Esperanto.

**Vidu dorsflanken.**

1-12-1927.

20a UNIVERSALA ESPERANTO-KONGRESO - ANTVERPENO

SEKRETARIEJO : *11, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien*

Poŝtĉekkonto : 2027.24 TELEFONO : No 543.74

TELEGRAFA ADRESO : *"Esperanto"*

BANKO : *Banque d'Anvers, An. Soc., Antverpeno*

# GRAVAJ INFORMOJ

1. — Tuj post la ricevo de la kotizo la Loka Kongresa Komitato sendos provizoran karton al la kongresano. Iu, ne ricevinta en bona tempo sian provizoran karton, estas petata sciigi tion al la komitato.

2. — Ĉiu kongresano ricevos senpagan abonon al "Belga Esperantisto" dum 1928. Tiu revuo publikigos la kongresajn informojn, la nomaron de la aliĝintoj, laŭ ilia alveno, la raporton pri la kongreso, k.t.p.

3. — Ĉiu kongresano ricevos la kongresajn dokumentojn senpage, sed nur post la tago de sia enskribiĝo kun pago. La tiam jam aperintaj dokumentoj estos sendataj nur laŭ ebleco. Frua enskribo estas do rekomendata.

4. — En konvena tempo ĉiu kongresano ricevos diversajn mendilojn por loĝado, kongresaj eldonaĵoj, k.t.p.

5. — Ĉiujn leterojn kaj pagojn al la Kongreso oni sendu nur rekte al la Kongresa adreso :

20a Kongreso de Esperanto
Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO (Belgujo)

Rezervita por la kongresa oficejo :

*Ricevita :* .................................... *Mono* ....................

*Al Poŝtĉeko :* ....................................................

*Al Banko :* ....................................................

*Provizora karto sendita :* ....................................

Presejo de "BELGA ESPERANTO-INSTITUTO", Antverpeno.

# KIEL MI IĜIS ESPERANTISTO

Mi iomete hezitas skribi tiun ĉi artikoleton, ĉar mi ne ŝatas apologii pri mi men, kaj mi prezentas jenan biografiaĵon nur kiel kondutgvidon por la skeptikuloj kaj por la sendeciduloj. Mi estus tre feliĉa eĉ se nur unu el ili volus varbiĝi sub la Verda Stelo post legado de mia persona sperto.

Dum la 13a Universala Kongreso de Stenografio (Bruselo, Aŭgusto 1927), mi havis la plezuron ĉeesti la lastan ĝeneralan kunsidon dediĉitan al la Esperantista Sekcio.

Mi sekvis la diskutadon kun granda miro,ne nur ĉar temis pri stenografio,mia profesio,sed ankaŭ ĉar mi,kiu neniam legis aŭ eĉ aŭdis vorteton esperantlingve,komprenis vortojn kaj la esprimitajn ideojn. Mi plie ekmiregis ĉar la diversnacianoj, kiuj partoprenis la diskutadon, tiel flue parolis kaj tiel facile interkompreniĝis.

Post la Kongreso, S-roj Cogen, Flageul, aliaj Kongresanoj kaj mi mem ekskursadis en Ostendo. Kompreneble ,mi petis sciigojn pri Esperanto, kaj S-ro Flageul instigis min fari malgrandan sperton: tralegi la broŝureton «Premier Manuel». Mi tiam demandis al mia samartano Cogen, kiom da monatoj oni bezonas lernadi la lingvon por fariĝi Esperantisto.

— «Por vi, li afable respondis, du aŭ tri monatoj sufiĉos!»

— Ĉu li mokas min, aŭ ĉi li opinias, ke oni lernas lingvon kiel oni fariĝas kelnero aŭ pakisto?» mi skeptike pensis. Mi tamen scivoleme promesis fari la sperton, decidante ĉesigi la lernadon en la okazo se la lingva lerteco ne estus atingita post trimonata porvo,ĉar kun mi ĉio devas marŝi stenografie, t. e. kun rapideco (Ĉu pro profesia ĝibigiĝo?).

Jen kio sekvis: mi ricevis la ruĝan broŝuron, la 21an de Aŭgusto, kaj jam dankis S-ron Cogen esperantlingve la 23an. Post kvin tagoj mi «posedis» la naŭ lecionojn kaj skribis al S-ro Schoofs mian unuan leteron por mendi pliperfektigantajn librojn kaj aboniĝis al «Belga Esperantisto». Mi aliĝis al la Brusela sekcio la 10an de oktobro, kaj estis «bombardita» kiel protokolisto de la grupo la sekvantan semajnon, malgraŭ mia protestado (ĉu mi tiam ne estis nur dumonata esperantista suĉinfano?). Mi mem ekmiris ĉar miaj bruselaj gesamideanoj asertis, ke mi certe kapablis «honori la oficon».

Ĉu tio estas ĉio? Ne!... antaŭ la novjartago mi fariĝis redaktorokorespondanto esperantista de la «Revue belge et internationale de Sténographie» (dum oktobro jam),de «Fluganta Skribilo» kaj de «l'Elan sténo-dactylographique».

La antaŭvido de nia kara amiko Cogen estis do plenumita.

Mia sekreto? : Unu horo da serioza lernado aŭ legado ĉiutage (mi substrekas la lastan vorton).

René J. Haillez,

Stenografiisto ĉe la Ĉambro de Deputitoj.

## DIVERSAJ INFORMOJ

# EKSPOZICIO "PRESSA"

**ALVOKO al starigo de speciala kiosko de Esperanto dum Internacia Ekspozicio de la Gazetaro «Pressa»»**, majo ĝis oktobro 1928 en Köln. — La gravega signifo de la venontjara Internacia Ekspozicio de la Gazetaro en Köln, en kiu laŭ ĝisnuna aliĝo partoprenos ĉirkaŭ 50 ŝtatoj, kaj la konvinko, ke nia lingvo neniam atingos sian celon sen efika helpo de la tutmonda gazetaro, instigis la Rejnlandan-Vestfalian Esperanto-Ligon (REVELO) starigi dum ĝia tuta daŭro (majo ĝis oktobro 1928) **specialan kioskon kaj ekspozicion de Esperanto**, kies kostoj atingos ĉirkaŭe 2000 Rm. REVELO jam garantiis 300 Rm. por la unuaj kostoj (luprezo de spaco ktp.), dum la kostoj de konstruo de la kiosko, kiu post fino de la ekspozicio restos je dispono de aliaj esp. organizoj aj ekspozicioj, estas kolektotaj inter la tutmonda Esperantistaro.

Ni do treege petas vin, ke vi kiel eble plej baldaŭ sendu al nia kasisto, S-ro F. Kurth, oficisto de regna financofiecjo en Köln-Deutz, Leichlingerstr. 6 (germ. poŝta ĉekkonto 57801 Köln) subtenan mondonacon, ĉu sumegon ĉu sumeton, por kiu vi kvitance ricevos poŝtkarton montrantan la kioskon kaj vidaĵon de la ekspozicio. Ni krome resume kvitancos en la ĉefaj esp. gazetoj kaj fermos la kolekton la 1-an de marto. Se la mono kolektita ne sufiĉos, ĝi restos je dispono de la tutmonda Esperantistaro, kiu povos decidi pri la uzado dum la 20-a Universala Kongreso en Antverpeno.

KOMITATO POR STARIGO DE
Speciala Kiosko de Esperanto dum «Pressa» 1928 Köln.

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO, Frohburger Strasse 68, p., Leipzig S. 3. publikigis artikolon «Novaj perspektivoj en la instruista Esperanto-movado» kiu montras la favorajn ŝancojn de Esperanto en la internaciaj asocioj kaj en la tre grava Bureau International d'Education, Ĝenevo. Interesatoj skribu al la ĉi supra adreso.

SERĈAS LABORON en Bruselo, Antverpeno, aŭ en alia belga urbo: S-ro Ruda Beneŝ, tajloro-helpanto, 23 jara, vicdelegito de UEA, en Zelezny Brod, No 386, Bohemio-Ĉeĥoslovakio. — Li estas pantalonisto kaj veŝtisto kaj volonte akceptos laboron en iu granda tajlorejo, kie oni laboras po grande. (B. E. rekomendas tiun ĉi peton).

LA UNUA internacia Esperantista kongreso universitata okazis en Toulouse, de la 27a ĝis la 30a Decembro 1927. Post pritraktado de ĝia multdetala programo, ĝi decidis havi sian proksiman kunvenon en Antverpeno, dum la 20a Universala Kongreso de Esperanto.

# BIBLIOGRAFIO

ILUSTRITAJ RAKONTETOJ KUN DEMANDAROJ de A. KENNGOTT, A. M., eldonis Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno. 48 paĝoj 12 × 16 cm. Prezo por Belgujo: Bfr. 5.00 .Unu el la plej facilaj kaj plej praktikaj legolibroj por komencantoj; uzeblaj jam post kelkaj lecionoj, aŭ eĉ nur kun malgranda «Ŝlosilo». Ĝi enhavas tute simplajn, tamen tre plaĉajn rakontetojn kun beletaj bildoj, kiuj helpas klarigi la tekston, tiel, ke eĉ la plej nova Esperantisto povas facile kompreni tiun agrablan legaĵon. La instruaj demandaroj post ĉiu rakonto ebligas al la lernantoj, jam tuj depost la komenco de ilia studado, interparoli kune kaj bone ekzerci la ĵus akiritan vorttrezoron. La tri grupoj de ĉiu demandaro estas: I. Demandoj pri la enhavo de la rakonto; II. Demandoj por ekzerci la novajn vortojn kaj esprimojn; III. Demandoj pri vortfarado kaj gramatiko. Profesoroj de Esperanto - kursoj mendante almenaŭ 10 ekzemplerojn ĝuas rabaton de 20 %.

INTERNACIA DIALOGARO. Originale verkitaj dialogoj de diverslandaj aŭtoroj. Eldonis Belga Esperanto - Instituto, Antverpeno. 64 paĝoj 12 × 16 cm. Prezo por Belgujo: Bfr. 5.00. Profesoroj de Esperanto - kursoj, Delegitoj de U. E. A. kaj grupoj, kiuj mendas almenaŭ 10 ekzemplerojn ĝuas rabaton de 20 %.

Vere praktika, interesa, kaj treege instrua kolekto da originale verkitaj dialogoj kun zorge elektita kaj tre utila vorttrezoro el la ĉiutaga vivo. Tiuj dialogoj en vivoplena stilo estas verkaĵoj de aŭtoroj el diversaj landoj. Pro tio, ĉi tiu dialogaro havas tute internacian karakteron, tiom dezirindan por la lernantoj.

Tiu libro bonege taŭgas kiel kursa legaĵo en iom progresintaj klasoj, interŝanĝe uzata kune kun lernolibro, kaj ankaŭ kiel amuza kaj utila legaĵo aŭ prezentaĵo je klubkunvenoj, societaj prezentadoj, k. t. p.

KATALOGO DE LINGVOJ naturaj, popolaj, literaturaj, klasikaj kaj artefaritaj (provizora listo). Eldonis 1927: Universala Esperanto-Asocio. Bibliografia Servo, Genève. 20 folioj 21 × 27 cm. Prezo: 2 Svisajn Fr. — Tiu studo enhavas jenajn ĉapitrojn: La Lingvoj de la homaro: Antikvaj lingvoj de la civilizacio; Modernaj kulturlingvoj de tutmonda graveco, kun proksimuma nombro de parolantoj por ĉiu el ili; La Lingvo internacia kun Mondlingva Statistiko, kiu enhavas la nomon, jaron kaj lokon de apero, nomon de la aŭtoro de 350 projektoj de internacia lingvo.

ESPERANTO - KURSO de Vilho Setälä. Sveda eldono ee Eldona Societo Esperanto, Poŝtfako 698, Stockholm I. 48 paĝ. 14 × 11.5 cm., prezo sved. kr. 0.50.

Tiu malgranda legolibro jam estas tre ŝatata tiel en Svedujo kiel en Finnlando, kie estas antaŭ unu jaro eldonita finna eldono — la originala. Precipe ĝi estas bona por kursoj, la legaĵoj estas tre facilaj, precipe en la komenco, kelkaj el ili estas ilustritaj.

TURISMAJ ELDONAJOJ, GVIDLIBRETOJ, GVIDFOLIOJ, k. c.

SCOTTISH SCENERY (SKOTLANDA PEJZAĜO). Memoraĵo de la 18a Universala Kongreso de Esperanto en Edinburgo, 1926. 60-paĝa libreto multilustrita. Eldonita de Higgie & Company's International Publications, Rothesay, Scotland. Prezo: 1 ŝilingo. (Kun kelkaj aliaj Skotaj propagandiloj pri Esperanto).

GVIDLIBRETO TRA LA DISTRIKTO SCHOENHENGST, la plej granda Germana Lingva insulo en Ĉeĥoslovakio. Bele ilustrita broŝuro 16-paĝa, eldonita sub aŭspicioj de la Germana regiona popolkleriga Asocio kun helpo de D-ro Alfred Grimm, kunmetita kaj Esperantigita de Erich Koblischke, instruisto, Landskron, Karto 1926. Prezo: Kč. 1.— (Bfr. 1,10). Mendu ĉe la tradukinto.

SVISA ALPVETURADO. — Ilustrita koverto kun 5 belaj bildoj de la Svisaj Alpoj. Mendu ĉe Sro Perlet, Svisaj Federalaj Fervojoj, Berno.

NEUCHATEL en Svislando. — Dekpaĝa gvidfolio. Eldonis la Oficiala Informoficejo, Placo Numa Droz, Neuchâtel. Senpaga.

FERVOJO VERONA - CAPRINO - GARDA en Norda Italujo. 4 paĝoj. Eldonis Direzione ferrovia Verona - Caprino - Garda, Strada Venezia 1, Verona (Italujo). Senpaga.

NORDERNEY, Gvidlibreto 16-paĝa. Eldonita de la banloka direkcio sub aŭspicioj de U. E. A., turisma servo. Informojn donas Sro H. Grosch, Buergermeister Berghausstrasse, 36, Norderney. Senpaga.

GENEVE, 4-paĝa gvidfolio, eldonita de Association des Int. de Genève.

STETTIN, 4-paĝa gvidfolio, eldonita de «Stettiner Verkehrsverein».

DOBŜINA (glacia groto), 4-paĝa gvidfolio, de loka turisma oficejo.

THIERS, 4-paĝa gvidfolio, eldonita de «Syndicat d'Initiative de Thiers.

DEAL & WALMER, 2-paĝa gvidfolio, eldonita de loka Chamber of Commerce.

BRATISLAVA, 4-paĝa gvidfolio, eldonita de la Porfremdula asocio.

Tiuj ses ĉi supraj gvidfolietoj estas eldonitaj sub la aŭspicioj de la turisma servo de U. E. A., de kiuj la interesuloj senpage povas ricevi ekzemplerojn.

DRESDEN, 6-paĝa gvidfolio, eldonita de la loka Esperanto-Societo, Struvestr. 40, Dresden A. I., kiu sendas senpage ekzemplerojn al la petantoj.

WIESBADEN. Bela 16-paĝa ilustrita gvidlibro. Por ricevi senpage ekzempleron sendu mendon per poŝtkarto al la Urba Oficejo por trafiko en Wiesbaden (Staedtischer Verkehrsbureau).

KOELN APUD LA REJNO kaj RESTU TRI TAGOJN EN KOELN! Du luksegaj gvidlibretoj pri la urbo Koeln, eldonitaj de la Urba Trafikoficejo. Ni ne trotaksas tiun laboron, dirante, ke tiuj du gvidlibroj estas la plej belaj ĝis nun eldonitaj en Esperanto de kiu ajn alia urbo. La bildoj estas belegaj kaj la teksto, kiun verkis H. J. Hoen, senriproĉa. Mendu ĉe ĉi tiu samideano, adreso: Elisenstrasse, 13, Koeln.



ARTIFICIAL ROOFING SLATES, CORRUGATED & FLAT SHEETS